





# itala fervojisto








ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI Sede: DOPOLAVORO FERROVIARIO BOLOGNA Via De' Poeti, 5/2 - 40124 BOLOGNA - Italia




junio - septembro 1988

Informa Bulteno

38 a jaro n-ro 2

# JUNIO



## ** QUOTE SOCIALI * QUOTE SOCIALI **

Avviso per i soci ritardatari !

Anche per il 1988 la Quota sociale IFEA/IFEF e' invariata = L. 10.000. La quota FEI e' stata portata a L. 25.000 (Familiari e Giovani = 1/2); quindi chi vuole farsi socio FEI tramite l'IFEA ci faccia pervenire L. 10.000 + L. 25.000 (o 12.500).

Per i residenti nella zona di Bologna invitiamo vivamente ad aderire anche al Circolo Culturale, Gruppo Esperanto DLF BO, pagando solo altre L. 3.000 (L. 1.000 per i gia' aderenti ad altro gruppo culturale del D.L.F. BO), a cui si devono aggiungere altre L. 5.000 (per i non ferrovieri o familiari) per la tessera Socio Frequentatore del DLF.

Inoltre, per chi desidera ricevere l'"Historio de I.F.E.F." L. 2.000, distintivo I.F.E.F. (per gli IFEA-anoj e' quasi un dovere averli); distintivo "Muraglia Cinese" L. 2.000; Catalogo del "Fondo librario esperantista" nella Biblioteca dell'Archiginnasio L. 2.500 piu' spese postali; N.B.: per un minimo di 3 esemplari invio gratuito!

Sperando di fare cosa gradita e utile, visto che alcuni soci hanno effettuto versamenti non corrispondenti a quanto da loro desiderato, evidentemente a causa di una nostra scarsa chiarezza, abbiamo qui piu' in dettaglio cercato di elencare talune possibilita' di pagamento, che ripeteremo anche in futuro.

Riepilogo quote:

a) = IFEA (per tutti) L. 10.000,
b) = FEI (ordinario) L. 25.000,
c) = FEI (giov. o fam.) L. 12.500,
d) = Circolo Culturale Gruppo Esperanto DLF Bologna L. 3.000,
e) = Idem cs, gia' iscritti ad altro gruppo culturale DLF L. 1.000,
f) = Frequentatore DLF BO L. 5.000,
g) = Historio/distintivi L. 2.000,
h) = Catalogo Archiginna. L. 2.500.

Esempi di combinazioni:

- a + b = L. 35.000,
- a + c = L. 22.500,
- a + d = L. 13.000,
- a + e = L. 11.000,
- a + b + d = L. 38.000,
- a + b + d + h = L. 40.500 (+ eventuali spese postali),
- a + b + f = L. 43.000,
- ecc.

Conto Corrente Postale: 19036403.

(La Kasisto)

## * NUOVE ADESIONI / RIADESIONI * ALL' I. F. E. A. - BENVENUTI!!!

MALATESTA Maria Teresa Vasto CH
MICHELOTTI Marina Rep. S. Marino RS
TINELLI Laura Settebagni RM

## UN GRADITO "DI PIU'" ALL'I.F.E.A. MILLE GRAZIE! + + + + MILLE GRAZIE!

ASTEGIANO Giovanni L. 15.000
LUPPINO Vincenzo L. 5.000

## *** IFEF-KONGRESO PERPIGNAN ***

Nia 40-a IFEF-Kongreso bonege sukcesis en Perpignan de la 4-a ĝis la 10-a de majo 1988, en kiu partoprenis oficiale 553 homoj, el 19 landoj, inter kiuj 24 italoj.

La programeroj sinsekvis unu la alian tre akurate kaj kun granda kontenteco de ĉiuj en belega kaj grandega kongresa palaco. Solena

malfermo okazis kun la partopreno de altaj aŭtoritatoj de SNCF, FISAIC, Sindikatoj, kaj diversaj esperantaj organizoj: UFE, UEA, ILEI, ktp..

Raprezentanto de nia Delegacio salutparolis transdonante belan memorŝildon nome de DLF.

Okazis la kutimaj Komitat-laboroj en kiu oni atingis bonegajn rezultojn: oficiala almembrigo de 2 novaj land-asocioj: nome GDR kaj Popola Ĉinio; elekto de nova IFEF-Vicprezidanto: ing. István Gulyás; prezento de la tridekjara laboro de Terminara Komisiono: t.e. "FERVOJA TERMINARO EN ESPERANTO", Suplemento al "Lexique Generale des Termes Ferroviaries" (UIC), jam entenanata la novajn terminojn, kiuj aperos en la ankoraŭ ne presita 4-a eldono de ĝi; bonega fakprelego pri la SNCF-projekto "TGV Atlantique", kaj multaj aliaj pri diverslandaj novaĵoj; interesaj ekskursoj al Le Corbieres, Tautavel, Fontfroide, Le Conflent, Villefranche, Saint-Michel de Cuxa, Collioure, Port-Vendre, Banyuls-sur-Mer (Kaj neforgesebla postkongreso en Andoro); altnivelaj spektakloj: koncerto, teatrvespero, folklorvespero, internacia balo kun bankedo; tutkongresa radio elsendo de radioamatora stacio; ebleco de speciala poŝta kongresa stampo; ellaso de 500 gasbalonetoj kun kongresmesaĝo.

Solena fermo okazis kun aprobo de Resolucio, en kiu oni substrekis la grandan valoron de la Internacia Lingvo Esperanto en la 1-a jaro de ĝia 2-a jarcento, kiel efika ilo de interkompreniĝo inter fervojistoj kaj la tuta homaro, laŭ la priĉipoj antaŭviditaj de d-ro Zamenhof: espero, obstino kaj pacienco, por atingi la ĉefan celon de ĉiuj popoloj, t.e.: paca kaj daŭra kunvivado en la mondo.




Okazas en Nederlando

ESPERANTO KAJ KOMPUTILO

Post 90 jaroj da provoj iĝi peranta lingvo por la tuta mondo, Esperanto povus imponiĝi, kiel "patrina lingvo" de la venonta generacio de komputiloj, alpruntitaj por tradukado.

Nederlanda firmao, nome "BSO" el Utrecht, fakte anoncis, ke ĝi intencas surmerkatigi, antaŭ ol 2 aŭ 3 jaroj, novan sistemon de tradukado pere de komputiloj, utiliganta Esperanton, kiel peranta lingvo en la traduko de mesaĝoj kun teknika enhavo por personaj komputiloj kaj por tekstprilaboraj maŝinoj.

La programaro (software) de BSO nomiĝos "Dlt" = Disvastigita lingva tradukado (Distribuited language translation); ĝi estos tute aŭtomatizita kaj la Utrecht-a firmao certigas, ke ĝiaj kapabloj estos nete superaj je la japanaj, usonaj, sovetaj kaj ĉinaj kunkurencaj sistemoj.

"Dlt" funkcios tradukante el originalingvo en Esperanton kaj poste el Esperanto en la version de la fina lingvo. Unue oni enmetos sur la merkato sistemojn kapablajn traduki inter la angla kaj la franca, kaj poste - oni certigas - danke al paso tra Esperanto, estos facile realigi "Dlt"-versiojn ankaŭ por aliaj lingvoj.

Sen Esperanto, kiel "patrina lingvo" de komputilo, esplikis la respondeculoj de la "Dlt" projekto, por komunikigi inter si 6 lingvojn - ĉiu el ili al la aliaj kvin - estus necesaj 30 programoj. Por komunikigi 9 lingvojn, la programoj devus esti 72.

(el "L'Alto Adige")



## * INCONTRO - DIBATTITO A VERONA *

Il giorno 22.10.1988, ore 15,30, presso la nuova Biblioteca civica (Sala Goethe) in via Cappello (vicino alla "Casa di Giulietta", in prossimita' della centralissima Piazza delle Erbe) il Gruppo D.L.F. di Verona organizza un incontro-dibattito sul tema:

"PROSPETTIVE DELL'ESPERANTO NEL PROSSIMO FUTURO CIBERNETICO".

Relatori invitati, i professori universitari:
- Silvio CECCATO (Milano),
- Aldo BERGAMASCHI (Verona),
- Giordano FORMIZZI (Verona), (Presidente della FEI), nonche'
- un Funzionario della "B.S.O.", ditta di Utrecht (Olanda), che illustrera' le varie fasi della realizzazione del progetto D.L.T.", consistente nell'utilizzazione dell'Esperanto come "lingua ponte" per la prossima generazione di computer.

Tutti i samideani sono mobilitati a dare alla notizia dell'avvenimento la piu' ampia diffusione con tutti i mezzi possibili.

PARTECIPATE E FATE PARTECIPARE!!

## ** MANIFESTAZIONE A BOLOGNA **

Il giorno 30.10.1988 viene organizzata a Bologna, in una sede di quartiere ancora da stabilire, la tradizionale manifestazione di Apertura Solenne dei nuovi corsi della Cattedra Bolognese di Esperanto e dell'attivita' esperantista dei Gruppi "D.L.F." e "Tellini", con la consegna degli attestati di diploma di Esperanto ai corsisti dell'ultima stagione e con l'intervento di Autorita' cittadine ed esperantiste.

L'incontro si svolge nella dimensione delle attivita' del C.E.R.E.R. (Coordinamento Esperantista Regionale dell'Emilia Romagna).

Il programma provvisorio minimo prevede:
- Cerimonia ufficiale;
- Pranzo in comune;
- Riunione Direttivo C.E.R.E.R..

PARTECIPATE - PARTOPRENU !!

## NI RICEVIS GRATULOJN PRO LA BULTENO

El Budapeŝto la Redakcio de "HUNGARA VIVO" skribis tiel: "Ni deziras daŭrajn sukcesojn, kiujn meritas la Redakcio de Itala Fervojisto, pro la lerte redaktata bulteno, kiu ĉiam interesas nin. Dankon aparte pro la ĉijara 1-a numero!"

Ni dankegas pro la kuraĝigaj vortoj kaj reciprokas la salutojn kaj bondezirojn.

La Redakcio

## NI RICEVIS DANKOJN PRO LA BULTENO

El Klara MALI SZABO, Budapest (H), kaj el Max LAINE, Champagne (F).






K O R E S P O N D I   D E Z I R A S

---

S-ro George MIHAILA-GRIDANASU
Strato Harmanului 17
Bloc 30, sc. C, apt 34
BRASOV (Rumanio)
aktoro,
dez. kor. kun italoj

---

## *=*=*   P O E M O J   *=*=*

"Kio estas poezio, se ne emanado de io neesprimebla, kiel estas muziko? Sed diference de tiu ĉi, poezio ne estas neracia logikilo: ĝi konsistas el vortoj kun formala senco, kaj do kvazaŭ ĉiam, konkreta fakto. Tamen ekzistas misteraj ligiloj inter la du artesprimiloj.

Eble la jenaj vortoj el "DOKTORO ZIVAGO" kapablas iomete lumigi la subtilan interplekton. La verkisto ja provas krei evokemajn imagojn pere de taŭga lingvesprimo.

"La lingvo el kiu naskiĝas la signifo kaj la beleco akiras sian veston; komencas de si mem pensi kaj paroli iĝante muziko, ne en la senco de simpla fonetika resonado, sed kiel elsekvo kaj daŭrigo de sia interna elfluo. Tiam, kiel impeta riverakvo, kiu per sia fluado glatigas la stonojn de la fundo kaj turnigas la muelilradojn, la difuziĝanta lingvo kreas de si mem, kvazaŭ senkonscie, per la forto de siaj propraj leĝoj, laŭirante sian vojon, la metron kaj la rimon kaj mil aliajn formojn kaj la plej intimajn rilatojn, ĝis nun nek trafitaj nek rekonitaj, sennomaj.""

---

## *=*=*   PRI   LA   FERVOJO   *=*=*

El la kolekto "Sur la metenaj trajnoj" (1943) de Boris PASTERNAK venas poemon, kiu montras lian nesimplan temperamenton pere de la forte ritmaj valoroj en la verso.

La poeto descendas de trajno. Noktas. Li perceptas la lastan relvibron kaj sinsentas iom konfuzita restante sola sur la senluma digo: tiu loko estas al li familiara pro vivkutimo, tamen ĝi, tiam, aperas al li tute fremda.

Tuj li ekaŭdas vakuan parolsonon de neagemaj virinoj. Tiun flustron li iam aŭdis. Jes, ja, li aŭdis ĝin lastjare, dum la sama periodo, elvenata de la arbareto: estas la akvo de la rivero, kiu degeliĝas anoncante:

### "D E N O V E   P R I N T E M P O"

"La trajno forveturis. Nigras la terbenko. / Kiel mi povos trovi mian vojon en mallumo? / Mi ne plu konas tiun ĉi lokon, / kvankam mi nur malrestis unu tagon. / Ĉesis la knarado sur la spaloj. / Sed, subite, jen nova strangaĵo: / tumulto, sencela babilad' de klaĉulinoj...

Kiu scias, kia diablo ilin tentis? / Pri paroladoj tiaj, fragmentojn jam mi aŭdis, / sed, kiam dum sama tempo de lastjare?/ Ha, eble, jen, denove, tiun ĉi nokton, / el arbareto spruĉis rivereto. / Kaj tio, kiel jam en la pratempo, / glaciojn movigis, tiel jam la riverbordo ŝvelas. / Nova miraklo ja estas ĉi tiu, / kiel pasintece, ankoraŭ estas printempo.

Ŝi estas, jes, ŝi, printempo. / Jen estas sorĉo sia, la mirendigo. / Malantaŭ la saliko, jen sia jaketo, / siaj ŝultroj, sia tuko, siaj talio kaj dorso. / Snegùrka estas

sur la abisma rando. / Jen, por si, elfunde de l' krutaĵo, / disvastiĝas, seninterompa kaj rapidiĝema, / de duonfreneza bruo la delirado.

Antaŭen ŝi transpasas barojn / la inundo dronanta en la akvon fumizanta. / Kiel lampo de pendanta akvofalo, / per fajfo estas ĉe dekliv' najlita. / Jen, pro frosto dentbatante, / la fluo degela sinreversas / en lageton, en aliajn basenetojn iras poste. / Per inundsonoj deliras la ekzisto."

(De itala versio esperantigis RoBo)

---

(SENTITOLA, DE NE KONATULO)

Kaj se,
kiam mi estos ĉe via tombo,
florojn mi ne kunportus,
ĉiam herberon mi trovus,
aŭ peceton de nia tero,
aŭ tiamflugantan papilion,
ilin allasi al vi;
ĉar,
ĉiam mi bezonos
elmontri al vi amsignon,
de tia amo, kian mi ricevis
por la daŭrado de tiu ĉi
vivo, aspra, kaj bela.

A.P.P.

---

** IFEF-SKISEMAJNO EN AŬSTRUJO **

La 30-a fervojista Skisemajno okazos en urbeto Muhlbach, proksime de Bischofshofen, montaro Alta Reĝo (Hochkönig), 1989.01.28 - 02.04.

Ĉiuj interesitoj trovos bonegajn kondiĉojn kaj tre favorajn prezojn (egalvaloro de 1.650 D.k. por tutsemajna duonpensiono). Bonvolu sendi antaŭpagon de 300 D.k. al Astrid Birkbak, Rugvenget 46, DK-2750 Ballerup,Danio. Poŝtĝirkonto 17055121. Aliĝiloj haveblas ankaŭ ĉe ni.



59° CONGRESSO ITALIANO DI ESPERANTO
1° CONGRESSO ITALIANO del II SECOLO
BENEVENTO, 26 AGOSTO / 2 SETTEMBRE 1986
USTGrEs
GRUPPO ESPERANTISTA SANNITA
COMITATO ORGANIZZATORE
BENEVENTO (Italia)

** ITALA KONGRESO BENEVENTO **

La 59-a Itala Kongreso de Esperanto okazis en urbo Benevento, Regiono Kampanio, kun ĉirkaŭ 63.000 enloĝantoj kaj tre longa historio.

La partoprenantoj estis ĉirkaŭ 200 el multaj urboj de Italio kaj kelkaj reprezentantoj de aliaj landoj, nome: Belgio, Francio, Germanio, Irano, Jugoslavio, San Marino, Usono.

Inter la multaj programeroj, okazis la kutima renkontiĝo de fervojistoj esperantistoj, dum kiu nia Prezidanto Kav. Germano Gimelli, salutis la ĉeestantojn kaj rimarkigis, ke nia kategorio estas la plej forta kaj bone organizita de UEA kaj ankaŭ en Italio, kiel substrekas ankaŭ raporto de Prezidanto de IEF, kiu tekstas jene: "IFEA, kun sidejo en Bologna, anigante fervojistojn, iliajn familianojn kaj simpatiantojn, vidis plialtiĝi, ankaŭ dum la jaro 1987, siajn membrojn: 173, el kiuj ĉirkaŭ 40 rektaj membroj de IEF, en faka kategorio. Notinda la partopreno en IFEF-kongresoj Katowice kaj Perpignan, sed precipe la organizado de kelkaj manifestacioj en Italio: oktobre en Verono, novembre en Venecio, kaj ankaŭ la helpo donita por la organizado de diversaj aliaj manifestacioj de la generala esperanta movado."

Prezidanto Gimelli poste raportis pri la gravaĵoj en la fervojista medio, precipe pri IFEF-kongreso Perpignan (bv. legi aparte), memorigante pri la atento donita de IF-

EF al sia itala sekcio IFEA per nomumo de 2 membroj (Pasquale CECI kaj Giordano AZZI) en Honora Patrona Komitato kaj de 1 (Germano GIMELLI) IFEF-Honora Membro, kaj substrekante la grandan atingon de la fervojistoj en la traduko de la 10.204 fakaj terminoj de UIC-Leksikono. Krome li notis la anigon de Ĉinio kaj GDR kiel landaj asocioj de IFEF kaj la ŝvebadon de balonoj, kiuj alportis la salutojn de la Kongreso al multaj homoj, el kiuj kelkaj sendis la aldonitan karton, inter ili unu venis el urbeto en la provinco de Milano.

Laste, li invitis la aŭskultantojn partopreni la venontajn Skisemajnon en Aŭstrio (28.01 - 04.02.1989) kaj kongreson en Salou (Hispanio) (13 - 19.05.1989).

(RoBo laŭ kunsidraporto)

==================================

** 41-A IFEF-KONGRESO SALOU **

Kiel anoncite, la venonta IFEF-kongreso okazos ekde la 13-a ĝis la 19-a de majo 1989 en Salou, proksime de Tarragona, sudorienta Hispanio (Katalunio), kie LKK atendas multajn partoprenantojn, kaj por la belaj lokoj, kaj por la treege favoraj prezoj. Ni jam havas aliĝilojn, ankaŭ por la postkongreso sur la insulo Majorko.

Por la interesitoj ĉi tie ni aldonas la provizorajn programojn, por havi ideon kaj tuj decidi partopreni. Pli da detaloj vi legos en la venonta numero de la Bulteno.

== 41-a IFEF-Kongreso Salou:

Ven. 12.5 Akcepto de kongresanoj
Sab. 13.5 Kunsido LKK/IFEF-Estraro
Gazetara konferenco
Alveno de "Esperanto" trajno
Akcepto de kongresanoj
Interkona vespero
Dim. 14.5 Ekumena diservo
Malfermo de la Kongreso
1/2taga ekskurso Reus-Tarragona
Kulturvespero
Lun. 15.5 Kunsido de IFEF Komitato (ne publika)
Kunsido de fak-Komisionoj
Kulturvespero
Mar. 16.5 1/2taga ekskurso Priorato -Falset-Mora
Unua Plenkunsido
Kongresa bankedo kaj
Internacia balo
Mer. 17.5 Tuttaga ekskurso Delto de Rivero Ebro
Junulara vespero
Ĵaŭ. 18.5 Dua Plenkunsido
Fakprelego
Filmvespero
Kulturvespero
Ven. 19.5 Fermo de la Kongreso
Ekveturo de "Esperanto" trajno

== Postkongreso en Majorko:

Sab. 20.5 Forveturo al Barcelona
Flugo al Palma de Majorca
Enhoteliĝo kaj tagmanĝo
Libertempo, vespermanĝo
Dim. 21.5 Matenmanĝo, tuttaga ekskurso Formentor-Pollensa
Tagmanĝo en tipa restoracio
Reveno al Palma, vespermanĝo
Libera vespero
Lun. 22.5 Matenmanĝo, tuttaga ekskurso Manacor, Porto Kristo, kaverno "Drach" kun koncerto
Tagmanĝo en tipa restoracio
Reveno al Palma, vespermanĝo
Libera vespero
Mar. 23.5 matenmanĝo, 1/2taga ekskurso Kartuzio de Valldemosa (Muzeo Chopin)
Tagmanĝo en hotelo
Butikuma posttagmezo
Nokta festo kun tipa "Barbacoa"
Mer. 24.5 Matenmanĝo, flugveturo al Barcelona, urbvizito
Adiaŭa komuna tagmanĝo kun barcelonaj geesperantistoj

(RoBo)

==================================





## * RIFLESSIONI E CONSIDERAZIONI *

L'IFEA ha battuto in questi giorni un altro record: ha raggiunto il numero di iscritti piu' alto della sua storia: 181.

C'e' da compiacersene, ma .. ad una crescita numerica dovrebbe anche corrispondere un rinvigorirsi dell'attivita' associativa, che purtroppo si vede poco.

Da molto tempo vado insistendo che e'assolutamente necessario che questo Bollettino riceva il contributo da parte di diversi soci da diverse citta', per facilitarne la stesura avendo piu' materiale a disposizione, per leggere piu' modi di vedere e sentire, per alleggerire il lavoro dei soliti, infine ed insomma perche' il Bollettino IFEA sia proprio l'organo di una Associazione, il lavoro collettivo in cui i soci si possano meglio riconoscere.

Vi sembrano idee tanto strane? Cosa ci vuole per gente che spesso abitualmente scrive durante il proprio lavoro a parafrasare un articolo sulle ferrovie (o altro argomento esperantista) adattandolo alle nostre esigenze di spazio e di informazione internazionale?

Quando leggo qualcosa di interessante ed utile, mi dico che sarebbe bello che anche molti altri potessero leggerlo. Dunque bastera' che voi pensiate la stessa cosa riguardo a cio' di cui venite a conoscenza.

Inoltre, possibile che nella vostra citta' o posto di lavoro non accada mai nulla di interessante? nulla che vi interssi diffondere?

Vi chiedo di sforzarvi, perche' occorre che qualcuno rapporti sull'attivita' locale (di gruppo e nazionale) per darne notizia agli altri soci. A meno che non preferiate che si dia noi "il compito a casa".

Scherzi a parte, al nostro Bollettino manca proprio la dimensione e la partecipazione corale.

Nell'ultimo numero (1/88 pag. 5/6) avevo lanciato un'idea: volevo conoscere dei pareri circa le possibilita' di organizzare "un incontro (conferenza organizzativa - ma anche con svaghi) della durata di alcuni giorni in una struttura dopolavoristica (per esempio nella Casa Alpina" di Plan di Val Gardena del DLF di BO o altra analoga)."

Ponevo cosi' alcune domande, che rinnovo, per cui attendo risposta, almeno dai soci piu' attivi:

- pensi sia possibile e utile un convegno IFEA?
- quale periodo proponi (escludendo ovviamente l'alta stagione estiva e invernale)?
- quale programma proponi?

Prego di farmi pervenire le vostre risposte (anche sulla carta del pane ...) entro breve tempo. Grazie.

Verso la fine dell'anno scorso eravamo stati informati che il Vicepresidente dell'IFEF, il norvegese Per Engen, aveva presentato le dimissioni e che occorreva far pervenire delle candidature.

Ben a conoscenza della non alta propensione a candidarsi e in considerazione del fatto che l'Italia non aveva mai avuto "estraranoj" o presentazioni di candidature in tutta la storia dell'IFEA, sentito anche il parere degli altri dirigenti, abbiamo presentato una candidatura, la mia, aggiungendo l'indicazione di lasciarla cadere se gia' fossero state viste o pensate altre piu' opportune soluzioni.

Cosi' era infatti e cio' ha condotto all'ottima scelta ed elezione dell'ungherese István Gulyás.

Tuttavia intanto altre dimissioni erano annunciate e sono poi state presentate: quelle del Segretario Otto Rösemann. Da qui la proposta affinche' ci si candidi per quella carica per cui si votera' a Salou.

La data prevista come limite a presentare le candidature e' la fine dell'anno; non rimane molto tempo per pensare se e' il caso di assumersi un compito certo interessante quanto gravoso.

Un incarico che invece ho accettato di buon grado e' stato quello di far parte della Commissione per la revisione dello Statuto, insieme al Presidente Giessner, il Cassiere Hauge e al Komitatano Patay, la quale sta gia' lavorando, poiche' si tende a presentare un nuovo Statuto per la definitiva approvazione al massimo proprio per Salou nel maggio 1989.

Cambiando ambiente e situazioni ritengo anche doveroso informare chi mi ha eletto nel Consiglio Nazionale FEI che in questo 1988 ho partecipato regolarmente a tutte le riunioni indette (Verona, Ancona e Bologna), in cui ho dovuto constatare un non soddisfacente andamento delle cose, sia per la scarsa partecipazione dei consiglieri (stanno annunciandosi o verificandosi diverse dimissioni - occorrera' chiedersi la ragione), sia perche' troppi fatti, atti e circostanze impediscono un lavoro programmato e lineare, mentre si insiste a mantenere atteggiamenti e comportamenti lontani da quelli che potrebbero portare ad una serena collaborazione fra "pacaj kunbatalantoj".

Alla FEI manca la necessaria serenita' degli animi, manca una politica federale che guidi le azioni dei dirigenti, dei gruppi e dei soci e non ne uscira' fintantoche' non si vorra' prendere in considerazione il bisogno assoluto di chiarezza e di una diversa piu' larga (direi democratica) partecipazione alle scelte federali, impossibile con le attuali carenti e incongruenti norme statutarie, nonche' con i vetusti e superati metodi amministrativi e informativi.

Non ho partecipato invece al Congresso di Benevento a causa della mia lunga assenza dall'Italia per un viaggio negli Stati Uniti. A Benevento il Presidente Gimelli ha colto l'occasione per illustrare e propagandare la nostra attivita' (v. rapporto 59^ Congresso FEI).

Il Segretario

===================================

## ** RADIO HAVANO EN ESPERANTO *

La 7-an de aŭgusto, laŭ informo de kuba delegacio, komencigis la Esperanto elsendoj de Radio Havano.

En la momento, kiam ni sribas ĉi tiun gravan informon, ni ankoraŭ ne scias multajn detalojn, sed ni povas sciigi al la legantaro ... almenaŭ la horojn (laŭ la universala = Grinica tempo) kaj la frekvencojn en kilohercoj. La elsendoj estas aŭdigataj ĉiudimance je la 17a h per 11 760 (= 25 m), 15 340 (= 19 m) kaj je 22.40 h per 11 930, 11 795 (= 25 m), 15 340 (= 19 m), 6 060 (= 49 m) kilohercoj. La azianoj povas aŭskulti ilin je la 8 n per 9 325 (= 31 m).

Pliajn detalojn petu ce: RADIO HAVANA, ESPERANTO-SEKCIO, HAVANO, KUBO. La sorto de la elsendoj kaj eventuala plivastigo al la ciutaga programo dependas de la skribaj reagoj, demandoj, ktp. Nun venas bona okazo por demandi Radion Havana pri preparlaboroj por la kongreso en 1990, riceveblo de vizoj, prezoj de hoteloj ktp. Per tio, ili vidu, ke la Esperanto-elsendoj estas vere bezonataj.

(El "Heroldo de Esperanto)







## ITALAJ POPOLDIROJ

"Pli bone malriĉulo ol mensogulo". (Sardinia proverbo)

"Kiu tempon havas kaj tempon atendas, tiu tempon perdas". (Toskania proverbo)

"Post la eraro, ĉiuj scias kio necesis". (Piemonta proverbo)

"Amo ne nepras belon; malsato ne bezonas saŭcon". (Abruza proverbo)

(Elitaligis R.B.)

"Pli bone fali el fenestro ol el tegmento". (Bolonja proverbo)

"Karbo aŭ nigrigas aŭ brulvundas". (Bolonja proverbo)

"Kiu bezonas, tiu moviĝu". (Bolonja proverbo)

"Pli bone ronĝi oston ol bastonon". (Bolonja proverbo)

"Antaŭ ol flugi, flugilojn necesas havi". (Bolonja proverbo)

"Kiam piro maturas, ĝi falu". (Bolonja proverbo)

"En fermitan buson ne eniras muŝo". (Bolonja proverbo)

(Elbolonjigis R.B.)

## ** FAMAJ DEVIZOJ DE FAMULOJ **

"Kutime, en amrilato, stultulo pli valoras ol saĝa homo. Oni preferas mastri idioton ol esti submetita de klerulo: la unua tiklas nian orgojlon, la lasta ĝin humiligas". (Denis Diderot)

"Neniu pli malĝojas ol enviemulo, kiu, krom esti turmentita de siaj malbonoj kiel ĉiuj, precipe malesperiĝas pro alies bonŝancoj". (Teofrasto)

"Bonon ni mem obtenas, malbono venas de malbonŝanco. Ni ĉiam pravas, male la sorto". (La Fontaine)

"Doloro disrompas ec la plej fortan koron". (Tibullus)

"Publika opinio malofte juĝas saĝe, kaj ordinarulo malofte sindeklaras kontraŭ la publika opinio". (Servan)

"Kiu ne kontentas posedante, tiu eĉ ne kontentus la deziritaĵon havante. (B. Auerbach)

"Kiam ni konvinkiĝas, ke ĉiuj amas nin, tiam ni ekmalamikiĝas al ni mem". (Niccolo' Tommaseo)

"Viva homo senespera estas paradokso. Oni povas vivi senĝue, en doloro, sed por elteni la vivon necesas posedi ĝojkambion por la estonteco, eĉ centimvalora, eĉ falsa. Ĝi estas la Espero. (Mantegazza)

(Elitaligis R.B.)



"Kia azardo! li havis nian saman defendadvokaton ..."

# vidindaĵoj el ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO

(daŭrigo)

En 1925 la Komerca kaj Industria Ĉambro de Cremona rekomendis al aliaj Italaj Komercaj Ĉambroj la uzadon de E okaze de sia aliĝo al la Dua Int. Konferenco por komerca helplingvo okazinta tiujare en Paris. En sama jaro la Komerca kaj Industria Ĉambro de Brescia sendis al la delegitoj de UEA en la tuta mondo cirkuleron en E, montrantan situacion de la Itala industrio kaj komerco.

Turismo. La unua E-lingva gvidlibreto en Italujo estas eldonita en 1912 en Ravenna, kies presadon monsubtenis la urbestraro. En 1914 la E-Unuiĝo de Genova eldonis 13-paĝan gvidlibreton. En 1921 en Trento oni eldonis ampleksan gvidlibron. Sufiĉe ampleksa estis ankaŭ la bone kaj zorge ilustrita Gvidlibro »Venecio«. En 1926 estas eldonita de la E eldonejo A. Paolet Gvidlibro de Mantova (monsubtenata de la tiea urbestraro kaj Komerca Ĉambro). Eldonitaj ankaŭ de A. Paolet estas malgrandaj gvidlibretoj pri urboj Assisi, Bologna, Rimini. Speciale menciinda, absolute komparebla al la plej gravaj int. gvidlibroj estas la gvidlibro Milano kaj lagoj de Lombardio (enhavo tradukita, kontrolita kaj parte verkita de inĝ. R. Orengo) kies tekston kaj aranĝon prizorgis la granda asocio »Touring Club Italiano, Milano.« Tiu libro aperis en 1931: ĝi enhavas multajn urbajn kaj regionajn kartojn kaj planojn, plej zorge redaktitajn kaj multkolore presitajn per plej modernaj metodoj.

Turismaj plifaciligoj por kongresoj de E estis ĉiam ricevataj (rabatoj ktp.) pere de italaj Ŝtatfervojoj kaj pere de Itala Kompanio de Turismo.

En la lastaj jaroj la Itala E-Centro organizis diversajn E-karavanojn de eksterlandaj E-istoj al Italujo okaze de naciaj kongresoj (Como 1930, Padova 1931) kaj de italaj E-istoj al Int. Kongresoj de E. La karavanon al Paris partoprenis preskaŭ 50 personoj.

Katolikaj organizoj. La E-ista movado jam de sia komenco disvastiĝis en la italaj katolikaj rondoj. En 1910 la ĉefepiskopo de Bologna (poste papo Benedikto XV) deklaris sin favora al E. En 1913 la ĉefepiskopo de Milano kaj la episkopo de Pavia skribis al pioniro de E pastro Bianchini laŭdajn leterojn pri E. En sama jaro (4—10 sept.) okazis en Roma la 4-a Int. Kongreso de Katolikaj E-istoj: ĝin prezidis la irlanda pastro Parker; 12 landoj estis reprezentataj.

En 1920 dum la nacia E Kongreso en Bologna okazis la 1-a Kongreso de italaj katolikaj E-istoj, prez. Carolfi, kiu ĉiam estris la E-movadon ĉe italaj katolikoj. La 2-a Kongreso de italaj katolikaj E-istoj okazis en Trento dum la 6-a nacia kongreso. En sama jaro stariĝis la itala Unuiĝo de Katolikaj E-istoj. La E-movadon inter katolikaj organizoj multe helpis prof. pastro Violi en Milano kaj prof. Pizzi en Venezia. La 3-a Kongreso de italaj katolikaj E-istoj okazis en Venezia 17—18 sept. 1922. La papo sendis benon. Aliĝis kardinaloj La Fontaine (Venezia) kaj Maffi (Pisa). En sama jaro la sidejo de la Unuiĝo estis transportata al Venezia. Dum kongresoj de italaj E-istoj en sekvintaj jaroj okazis specialaj kunsidoj de la katolikaj E-organizoj. Specialaj kursoj de E okazis ofte ĉe Pastraj Seminarioj: ni menciu tiujn gviditajn inter aliaj en lastaj jaroj ĉe la Episkopaj Seminarioj en Bari kaj Udine.

Fervojistoj. En 1921 oni fondis en Torino la Asocion »Unuiĝo de la Italaj E-istaj Fervojistoj« (sekr. G. Santone). En 1922 ekzistis E-rondoj ĉe fervojistoj en urboj Trieste, Sampier-

darena, Venezia. Specialan agadon havis la Fervojista Grupo en Torino kaj tie Beniamino Broglio fondis »Nacian Societon de Italaj Fervojistaj E-istoj« kies grupoj de Torino, Roma, Trieste, Rivarolo, Ligure kunvenis dum la nacia E-kongreso en Torino 1924. Post propagando oni gvidis specialajn kursojn de E por fervojistoj en Trieste (d-ro Koch), Roma (Rag. Filippi), Torino (Ramolfo), ktp. En 1924 la societo havis grupojn en Torino, Roma, Trieste, Voghera, Udine, Mantova, Verona, Gorizia, poste en Napoli. Fakaj kunsidoj de E-istaj fervojistoj okazis ĉe la naciaj kongresoj de E. Nuna gvidanto de la fervojista E-movado en Italujo estas Francisco Ramolfo el Torino.

La estraro de la faŝista organizajo »Fervojista Postlaboro« (organizajo celanta instruadon, sporton, amuzon en liberaj horoj) per cirkulero en 1926 permesis instruadon de E ĉe siaj sidejoj en ĉiuj italaj urboj. La sekcioj de la sama organizajo en Trieste kaj Verona enhavigis E-n en sia instrua programo, poste ankaŭ tiu de Roma. En 1927—28 okazis kursoj ĉe la sidejo de tiu organizajo en Siena kaj Salerno. La gazeto de la organizajo enhavis plurajn artikolojn pri E. En 1931 la nacia societo de Fervojistaj E-istoj eldonis »Frazaron por la vojaĝanto« en lingvoj itala kaj E.

S t e n o g r a f i o. Age de direktoroj de sten. asocioj stariĝis en Napoli en 1928 »Nacia Asocio de stenografoj E-istoj« (prez. prof. Oreste Tafuri, sekr. prof. Fernado Quagliarella). Kursoj de E por stenografoj ĉe sten. asocioj okazis en Napoli kaj en Brescia (gvid. Facchi).

R a d i o. El sendostacio Roma kurso gvidata de Filippi okazis en 1925; el sendostacio Torino kurso gvid. de Canuto en 1929—30. Ambaŭ kursoj vekis grandan intereson kaj konsekvence venis al la gvidantoj centoj da demandoj pri E kaj aliĝoj al nacia movado.

G a z e t a r o. En 1913 la E eldonejo A. Paolet eldonis monatan revuon L' E' kiu, krom provizora ĉeso pro la milito, aperis ĝis fino de 1922. De 1923 ĝis 1927 ĝia titolo fariĝis I t a l a E-a R e v u o. En 1928 ree ĝi aperis sub la malnova titolo ĝis 1929. Ĉiam tiu ĉi revuo estis sub patronado de IKE, kaj preskaŭ ĉiam ĝi pli-malpli funkciis kiel organo de IEF. Tiu ĉi revuo, kiu respegulis la tutan italan E-movadon, ĉesis en la fino de 1929 kaj estis anstataŭata de la monata R i v i s t a I t a l i a n a d i E, organo de IKE kaj IEF, eldonita en 1930—31 en Udine kaj direktita de Bodini. En 1932 ankaŭ tiu ĉi revuo ĉesis kaj estis anstataŭata de grandformata gazeto duonmonata L' E' eldonata en Torino (dir. Nicola La Colla). Ĉiuj menciitaj revuoj kaj gazetoj aperis dulingve.

L e r n o l i b r o j. El la multaj lernolibroj povas esti citataj kiel plej uzataj aŭ uzitaj, la jenaj, ordigitaj laŭ epoko de ilia apero: Marignoni, Gallois, Giambene, Puccinelli, Rota-Camelli, Cattorini, Stromboli, Pomarici. Nuntempe estas plej ofte uzataj la gramatikoj kaj lernolibroj de Migliorini, »Manuale di E«; B. kaj E. Migliorini, E-a Legolibro; Giani, »Grammatica della lingua ausiliaria E«. Vortaroj plej uzataj: Meazzini (I-E), Puccinelli (E-I), Giani (E-I), Tellini (E-I).

(daŭrigota)

redaktoro: geo climelli




